5ª Jaro 1907-08 Nº 47 APRILO

# Espero Katolika

*REVUO MONATA EN ESPERANTO*

(Honorata per Apostola Beno de Pio X-a, 27-an de Junio 1906)

**RELIGIO. — FILOZOFIO. — HISTORIO. — SOCIOLOGIO**
**LITERATURO. — ARTO**
**REVUO DE REVUOJ. — BIBLIOGRAFIO. — 'SAKOJ**

« Unum ovile et unus pastor.» (Joh. X, 16,) « Unu ŝafaro kaj unu paŝtanto.»

## ARTIKOLARO



## REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO

Ĉe la Direktoro : P-o Em. PELTIER
Sainte-Radegonde (Indre-et-Loire) France

*Manuskriptoj neniam estos resendataj.*
*Manuskriptoj kaj leteroj pri E. K. estu sendataj nur al la Direktoro.*

**Por la** francaj **poŝtmandatoj la Poŝtoficejo estas** sainte-radegonde ; **por la** nefrancaj **la poŝtoficejo estas** tours.

'Ĉiuj verkistoj estas persone respondaj pri siaj artikoloj. La Revuo estas responda nur pri artikoloj subskribitaj de la Direktoro. — E. K. estas malfermata por ĉiuj personoj kaj por ĉiuj demandoj (escepte la politikaj).

## ABONEJOJ DE E. K.

FRANCLANDO 'Ce la Direktoro de E. K. — 'Ce la Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, *Paris-V.* — 'Ce librejo Warnier kaj Ko, 15, rue Montmartre, *Paris.*
ANGLOLANDO British Esperanto Association, 13, Arundel Street, Strand, *London, W. C.*
BOHEMUJO-AUSTRIO : F. Topič, libr. Ferdinandova, 9, *Praha.*
CILILANDO ; S-o Luis E. Sepulveda Cuadra, Casilla 1679, *Santiago-Chili.*
DANUJO Dana Esperanta Oficejo, S-o Monster, 54, B. 4. Osterbrooad, *Kopenhago.*
GERMANLANDO : Moller & Borel, 96, Prinzenstr., *Berlin.*
HISPANLANDO : S-o A. Jimenez-Loira, Paterna, *Valencia.*
HOLANDUJO : S-o H. B. van ZWET, Heerenweg, 51 bis, *Utrecht.*
HUNGARLANDO : S-o Endra Varju IV, Kigyo, U, 62. em. 14, *Budapesto.*
ITALLANDO : S-o Jakobo Bianchini, *Fontanafredda de Pordenone* (Udine).
LITOVUJO : P-o A. Dombrowski, en *Kovno*, Rusujo.
NOVA ZELANDO : S-o A. J. Burges, libr. Devon Street, *New Plymouth* (New Zealand).
POLUJO : Arct. libr. Nowy Swiat, 53, *Warszawia.*
PORTUGALUJO : D-o Malato, 37, Clerigos, *Portalegre.*
RUSLANDO : Societo Espero, Bol. Podjaceskaja, 24, log. 19. *S. Peterburgo.*
SVISLANDO : Librejo Garin, 20, rue Corraterie, *Genevo.*

## KONDIĈOJ DE ABONO

*Abono jara* : 5 fr. (2 Sm.). — En Francl. 4 fr. (1 Sm. 60).
*Unu numero* : 0 fr. 50, afrankite, (20 Sd.)

Abonoj estas akceptataj nur por tuta jaro. Komencaj datoj oktobro, januaro aŭ marto. La Revuo ne aperas en aŭgusto nek en septembro. Poŝt-kuponoj internaciaj estas akceptataj.

*ATENTU! Sur la koverto de l' unua numero post la fino de l' abono estos stampata :* Via abono finiĝis kun la lasta n-o.

ANONCOJ. — Ni ricevas grandajn anoncojn nur por UNU JARO (10 n-oj). Tuta paĝo kostos 100 frankojn; — 2-on-paĝo : 50 fr.; — 4-on-paĝo : 25 fr.; — 8-on-paĝo : 15 fr.; — 16-on-paĝo : 8 fr. — *Por anonci en E. K., sin turni al S-o G. Warnier, 15, rue Montmartre, aŭ al la Direktoro de E. K.*

*Ĉiu abonanto havas rajton por 5-linia anonceto dum tuta jaro de l' abono.*

# ANONCETOJ

*5 linioj senpage por abonantoj dum tuta jaro de l' abono. — Oni devos pagi 10 centimojn por ĉiu vorto post 5 linioj, aŭ mallongigi l' anonceton.*

— KOMERCO —

*Vinoj* ruĝaj, blankaj, junaj k. maljunaj nepre naturaj, bonegaj, altgradaj (11° almenaŭ), senditaj senpere de bienuloj el Roussillon. Skribu al parokestro Andreu, en Fourques (P.-Or.), France. Petu prez. 8

*Esperantaj romancoj* tre bone presitaj, verkitaj de S-o Louis Rigoir, 26, rue du Progrès, Marseille, Franc. *En songo*, parol. de Do Zamenhof : 0 fr. 75. *Kristnasko*, par. de Do Philippett : 1 fr. 50. *Kanto de l' Diabolo*, parol. de Aymonnier, 1,50. 6-5

*Presmaŝinoj* kaj materialo por presejoj. Instalo de presejoj : tre rapidaj presmaŝinoj presantaj unu flankon de l'papero ; brak-presiloj; tranĉo-maŝinoj por papero, kc. — A. Dubuc. mekanikisto-konstruisto, 15-17, rue Saint-Romain, Paris, Telefono 706-45. 11-5

*Stradivarius*, violono de 1690, vendebla ĉe Monakinoj, Casa di Ritiro, Zitelle Udine, Ital. 7

*Tandem'o* estas vendebla aŭ interŝanĝebla kontraŭ fraŭlina bicikleto ĉe L. Polart, 44, rue Mozart, Paris, Francl., kiu ricevos ĉiam plezurege k. respondos leterojn pri socialaj demandoj. 18

*Bonega oleo* Toskan-oliva, prezoj konvenaj. Sin turni al S-o Luciano Graziani, Fontanafredda de Pordenone, Udine, Itall. 20

*So J. Pion*, 34, rue de la Comédie, Beaune (Côte-d'Or), Francl., sendas 12 malsimilajn vidaĵojn esperantajn pri Beaune, po 1 fr. 50 (60 Sd.). Li akceptas korespondon per stenografio Esperanta laŭ Pitman. 21

*S-no Eva Jouan*, Palais Belle-Ile en Mer (Morbihan), Francl. Artobjektoj faritaj de markreskaĵoj sur fajenco, ŝtofoj, papéro. Laboro nereproĉinda kaj malkara. 25

*Grani-Zanon*, kunmetitaj laktoipofosfitoj : kuracilo la plej taŭga, serioza, ekonomia, honesta, populara k. sukcesplena kontraŭ anemio k. malforteco. Boteleto da 100 pilol. 2 fr.; 6 botelet. 10 fr. Eksterl. la poŝtelspezoj plie. Sin turni al So G. Zanon, Villadelconte, Padova-Itall. 26

*Fama ruĝa vino* de Mercurey en boteloj k. bareloj. Campanigo de vinoj por bienuloj, laŭ prezo interkonsentota. Ch. Jadeau, en Mercurey (S.-et-O.), Francl. 27

— KOLEKTISTOJ —

*S-o Derroite*. 108, avenue Victor-Hugo, Paris. Kolektas poŝtkart. de religiaj pentraĵoj, sed nur : 1-e per paketo po 12 aŭ 24 : 2-e post anonco k. akcepto de l'nombro k. prezo; 3-e el muzeoj de l' urboj de l'sendantoj; 4-e pri vivo publika de J.-K. 1-5

*F-no Barbin*, Le Lion-d'Angers (M.-et-L.). Serĉadas, interŝanĝas, aĉetas antikvajn paperojn, leterojn de 17, 18, 19-aj jarcentoj. Kolektadas ankaŭ famajn aŭtografojn precipe de muzikverkistoj. 2-5

*S-o Al. Wagner*, Stanislau, 2, Aŭstrujo, s.k.1.36, deziras interŝanĝi uzitajn poŝtmark. nur kun komencantaj gefilatelistoj laŭ senf. 1908. Sendu anticipatajn kondiĉojn. 12-5

*Frato Mucien Louis*, prof., rue du Collège, 136, Verviers. Belg. estus tre feliĉa ricevi de afablaj samideanoj : divers. propagandilojn, malnovajn revu-numerojn k. ĉiuspecajn aĵojn rilatajn al Esperanta disvastiĝo. 15

*S-o Varju Endre*, Budapest, IV, Kygio, C-E 62, em, 14, kolektas kaj interŝanĝas uzitajn poŝtm. 17

*Rusl.* Saratov, Kesto 12. G. Davidov pagas altan prezon por gazetoj «Esperanto-Santander», Saksa Esp. n-o 2, 1907, Japana Esper. n-o 3 1906 La Pioniro-India, n-oj 1,2,4. La Esp. Sofia, 1890-91. 23

Oni petas anglan vortaron kun elparolo interŝanĝe kun novaj Esp. libroj aŭ 3 antikvaj piaj libroj. F-no L. Petit, 23, av. du Ch. de fer, Vitry s-Seine, Francl. 24

— KORESPONDADO —

*Marco Lliro*, Escoles Pies, Sabadell, Espana. Katolika pastro, interŝanĝ. leterojn kun lertaj katol. literaturistoj ĉiulandaj pri respektiva nacia literatura historio. 5-5

*So Marcel Génermont*, 11, place de la Gare, Moulins (Alliers), deziras korespondadi per ilustrit. poŝtkart, kun nefrancaj esperantistoj. 13-6

*So H. Voirin*, Saint-Clément (M.-et-M.), Francl. Interŝanĝas ilustr. poŝtkartojn kun ne-Eŭropanoj. 17

*So F. Rawicki*, Seminariano katolika, deziras korespondadi, se eble kun pastroj kaj seminarianoj. Adr.: Seminario katolika en Wloclawek, Polujo. 19

*Feliks Knapski*, Zgierr, Piotrk.gub. Poluj-Rusl., respondas tute senpage pri komercaj, industriaj k. negocaj informoj tie ĉi en Polujo. Kolektas k. interŝanĝas poŝtmarkojn. 22

*F-no Bernard*, ins., 1, rue S. Martin, Angers, Franc., deziras korespondi esperante aŭ germane kun Dresdenano aŭ -ino pri la Kvara. 28

— INSTRUO —

*Stenografio*. Sistemo por franca lingvo, aprobita de E. Duployé, 2 fr. Sin turni al aŭtoro P. Bavay, Le Havre (S.-I.). S-o Bavay volonte sendos senpage sian sistemon al ĉiu Esp. kiu sendos al li verkon Esperant. pri stenografio. 9-5

*Amuzanta!* — Cours méthodique d'Esperanto, legu E. K. n-o 41, okt. 1907, p. 29 ; afrankite : 0,50. P-o Servais, Failon, Havelange, Belg.; tiu pastro kat. en bela kaj sana kamparo kun monteto, domo dekĉambra, petas *studenton* dezirantan lecionojn pri lingvoj aŭ aliaj studoj. 10-5

*S-o J. Mistler*, direktoro de la duagrada lernejo en St-Claude (Jura). Komercist-kurso. Instruado pri modern. lingv: Angla, Germana, Esper. Ital. Kursoj dum libertempo en aŭg. k. sept. Petu prospektojn. 3-5

*V. J. Baras*, instruists pensiula en Bosson-Werbomont, Belg. k. lia filo Alexis, diplomita stenografisto (Duployé) akcept. lernantojn. Loko sana k. pentrinda. Fontoj de minerala akvo. 29

— DIVERSAJ —

*Aĉetantoj!* Atentu pri la maljustaĵoj, kiujn suferas mult. laboristoj. Favoru per viaj aĉetoj la firmojn, kiuj respektas principojn de justeco por siaj salajratoj. Aniĝu al *Sociala Ligo de Aĉetantoj*, aŭ fondu tian ligon, se ne ekzistas unu en via land. Petu inform. de Fno Magnier, 18, rue de l'Enseignement-Mutuel, Boulogne-s-Mer (P.-de-C.), Franc. 16

# EN 3 MINUTOJ VI POVAS GAJNI 50 FRANKOJN

ESPERO KATOLIKA
Aprilo
*Detranĉu tiun kuponon kaj sendu ĝin kun via respondo.*

partoprenante la ludon de la Limeriko

Tiu ludo certe interesos ĉiujn Esperantistojn, ĉar ili povos ricevi monan premion da 50 frankoj, kiel rekompenco de triminuata pripensado.

## Kondiĉoj de la « Limeriko »

1. — Aldoni al la jenaj kvar versoj unu verson, kiu rimos kun la unua kaj havos la saman nombron da silaboj.

*« Anjo », diris Henrik' al sia belulin'*
*« Mi amos vin ĉiam, ho ! kara amatin' ! »*
*Sed rigardante lin, ŝi dolĉe murmuris*
*Kun voĉo trankvila, kiu lin leruris :*

2. — Sendi, kun tiu verso ; *a)* sian nomon kaj plenan adreson ; *b)* mandaton aŭ poŝtmarkojn po 1 fr. 25 (1 ŝilingo, 1 marko, 50 spesdekoj) ; *c)* la kuponon kiu estas en la angulo de tiu ĉi teksto al : *La Limeriko, Librairie de l'Esperanto*. 15, rue Montmartre. Paris.

3. — Oni devos sendi la verson antaŭ la fino de aprilo. Se du versoj estas egale bonaj, la unue alveninta ricevos la premion.

La juĝistoj estos S-oj Gabriel Chavet kaj Pujula-Valjes

5. — La plej bona verso ricevos monan premion da fr. 50 (40 ŝilingoj, 40 markoj, 20 spesmiloj).

6. — La nomo de la gajninto estos publikigata ĉiumonate en tiu ĉi jurnalo.

5ª JARO 1907-08 N° 47 APRILO

# ESPERO KATOLIKA

*HONORATA PER APOSTOLA BENO DE PIO X-a*

*la 27-an de junio 1906*

## PASKA FESTO! ALELUJA!

*(Evangeliaj meditoj por nuna tempo.)*

*« Christus resurgens ex mortuis, jam non moritur. » (Rom. 6, 9).*

« Kristo, reviviĝinta el mortintoj, ja ne mortas plu.» (Epist. al Rom. 6, 9).

Post funebra medito apud la tombo de Kristo, dum la Granda Semajno, ĝoje kantos Aleluja la Kristanoj, en la tuta Universo. Granda skandalo estis la morto de Jesu por Liaj disciploj kaj apostoloj... Ili estis humane revintaj, ke Li estus tera reĝo. Ili esperis, ke per sia supernatura potenco, Li neniam estus venkata de siaj malamikoj. Ili estis « teranaj » homoj, kaj ne ankoraŭ ricevis la Sanktan Spiriton por kompreni la dian rolon de nia Redemptoro.

Cio, ili pensis, estis perdita. Tion konstatis Jesu mem, kiam, post sia reviviĝo, li vojaĝis afable kun la du disciploj irantaj al Emmaus. « Ni *kredis*, ili konfesis, ke Li estus redemptonta Izraelon. »

« Ni kredis »! Jam ili ne kredas plu!...

La skandalo de l' apostoloj milfoje rekomencis, dum pasintaj jarcentoj; ankoraŭ rekomencas en multaj animoj, ne tre firmaj en Fido. Ili vidas, ke l' Eklezio de Kristo estas persekutata, mokata, atakata ĉiuparte. Ili vidas multajn membrojn el tiu Eklezio, kiuj forlasas Fidon, eĉ pastrojn, kiuj batalas science (?) per modernistaj doktrinoj, por ruinigi la Dian institucion de Jesu.

Ili malkonfidas, ili malesperas; ili kliniĝas sekvi la malfidelulojn.

Vana skandalo, fratoj! Ĉu vi forgesas, ke sur Eklezio jam blovadis aliaj ventegoj; ke l' Eklezio de Kristo reviviĝinta ankaŭ « ne mortas plu ». Jesu diris al Petro: « Mi estos kun vi ĝis la fino de jarcentoj ». Tiu promeso ĉiam realiĝis en pasinta tempo. Homoj de malforta fido' kial vi dubas pri la estonteco? Ĉu vi kredas, ke *deko* da « sciencistoj-pastroj » laŭte proklamantaj modernistajn doktrinojn, sufiĉos por mortigi la Eklezion de Kristo? Ili baldaŭ mortos, kaj estos rapide forgesitaj, kiel ĉiuj herezuloj. Kaj Eklezio sanigita per sia interna, supernatura forto, daŭrigos savi la animojn. Havu Fidon! Konservu Esperon! « Kristo reviviĝinta el mortintoj, ja ne mortas plu. » EM. PELTIER.

## LA HOLANDA « VOLKSVEREIN »

(K. S. A.)

Leginta la interesan artikolon « Volksverein », mi pensis ke la gelantoj de E. K. ankaŭ ŝatus legi ion de Holanda Societo, kiu iom similas al la Germana « Volksverein ». La *Katholic Sociale Actie* (Katolika Sociala Agado) estas la nomo de tiu societo; por mallongigi oni skribas K. S. A.

Kion volas la K. S. A.?

La granda celo de la K. S. A. estas unuigi ĉiujn Katolikojn en Holando, kiuj iamaniere laboras sur la sociala kampo, en unu granda, la tutan landon premanta organizo; kaj poste, per fondo de Centra Oficejo, konigi ĉien la scion de la katolik-socialaj principoj kaj de la praktika sociala laborado.

La organizo de la K. S. A. estas kiel eble plej simpla. En ĉiu urbo aŭ vilaĝo, kie estas socialaj unuiĝantaroj, estas *Loka Komitato*. Ĉiu katolika unuiĝantaro povas

aliĝi kaj havas en la Loka Komitato du reprezentantojn.

La prezidantoj kaj sekretarioj de la lokaj komitatoj formas la kvin diocezajn komitatojn; la prezidantoj kaj sekretarioj de la kvin diocezaj komitatoj formas la *Centran Kunsidon*.

Kio estas la celo de tiu ĉi organizacio ?

La K. S. A. volas, sur la fundamento de la katolikaj principoj, kunlabori al la solvo de la socialaj demandoj. La K. S. A. do ne sole celas al la batalado kontraŭ Liberalismo kaj Socialismo; per la parolo kaj la literaturo ĝi volas konigi, kio estas la granda devo de la Katolikoj sur la sociala kampo. La K. S. A. volas instrui, kiel oni devas plibonigi la etaton de la laboristoj, vilaĝanoj, industriistoj, butikistoj, instruistoj, oficistoj, ktp.

Kio estas la rolo de la *Centra Oficejo ?*

La Centra Oficejo volas apogi, kunhelpi, la agadon de la diversaj lokaj komitatoj, per skribaĵa kaj buŝa agado.

La skribaĵa agado estas la monata eldono de folioj en kiuj oni pritraktas ĉiujn interesajn socialajn demandojn. Tiuj folioj devas unue alporti scion de la socialaj demandoj, due, instigi la Katolikojn al la praktika agado.

De la Centra Oficejo ankaŭ estas eldonataj sciigoj, kiuj eliras duonmonate kaj kiujn ricevas senpage la anoj de la lokaj komitatoj. Tio estas, por ke la diversaj lokaj komitatoj senĉese scias la agadon de la K. S. A. en la tuta lando.

La buŝa agado estas La Centra Oficejo sendadas ĉien lertajn paroladantojn, kiuj parolas pri la S. K. A., ĝia celo, utileco. En la Centra Oficejo estas ankaŭ granda sociala biblioteko, kiu enhavas multajn diversajn librojn, en diversaj lingvoj, pri la apologiaj kaj socialaj sciencoj. Ciu ano de la K. S. A. povas prunti librojn, por studadi.

Car la paroladantoj ne nur bezonas sciencajn librojn, sed ankaŭ devas scii la nuntempajn faktojn kaj okazojn, la taktikon de la kontraŭuloj kaj kion oni jam praktike faris, estas en la Centra Oficejo ankaŭ granda aro de

detranĉaĵoj. Regule alvenas en la Centra Oficejo 200 tag-, semajn-, monat- kaj fak-gazetoj, kiujn legas la oficistoj de la Centra Oficejo; kaj poste oni detranĉas la diversajn interesajn artikolojn, sciigojn, ktp.

Tiamaniere oni povas vidi en kelkaj minutoj, kion oni jam faris en la tuta lando pri ia subjekto.

La Centra Oficejo ne nur volas helpi paroladantojn kaj lokajn komitatojn, ĝi volas ankaŭ instrui ĉiun katolikon, kiu komencas aŭ volas komenci labori je la sociala kampo. Kiam oni do volas fondi societon aŭ unuiĝantaron, oni skribas al la Centra Oficejo, kaj oni baldaŭ ricevas la plej bonajn informojn.

La Centra Oficejo havas en la tuta lando korespondantojn, lertaj katolikaj homoj, kiuj konstante sendas informojn al la Centra Oficejo.

Ciujare la Centra Oficejo komencas enketon por vidi, kion la diversaj lokaj komitatoj jam faris pri ia subjekto. Ekzemple en 1906 kaj 1907 la Centra Oficejo sendis al ĉiuj komitatoj cirkuleron kun demandoj pri la *loĝejdemando*, tiamaniere la Centra Oficejo povas vidi, kiel estas la nuna stato de tiu gravega demando.

La Centra Oficejo organizas ankaŭ ĉiujare *Socialan Semajnon*. La « Sociala Semajno » estas 8-taga kurso, semajno de grava sociala instruado (3 fojoj tage), kie kunvenas ĉiuj altrangaj katolikoj, *kiuj jam havas sufiĉan konon de la sociala demandaro*. Ĝi do ne estas semajno de belaj kaj elokventaj paroladoj, sed semajno de grava sociala instruado.

En 1906 kaj 1907 jam okazis « socialaj semajnoj », kun grandega sukceso, ĉar ili donis certan direkton al la katolika sociala agado.

La C. O. bezonas por ĝia agado multe da mono.

La diversaj unuiĝantaroj, kiuj formas lokaj komitatoj, pagas por ĉiu de iliaj anoj 5 cendojn (10 centimoj). Sed feliĉe estas en la tuta lando miloj da laboristoj, kiuj pagas 50 cendojn. Ankaŭ multaj bonfarantoj certigas l'ekzistadon de la C. O.

Tiuj, kiuj pagas 50 cendojn jare, ricevas senpage la diversajn foliojn, kiuj eliras ĉiumonate.

Jen mallonga skizo de la Holanda K. S. A. Kvankam ĝi nur ekzistas de du jaroj, ĝi jam alportis grandan bonon al la Holanda katolikaro. Pluraj protestantaj gazetoj ŝercis pri la fondo kaj agado de la K. S. A., sed liberala gazeto skribis « Ni timas, ke per la fondo de la K. S. A. la Rom-Katolika Eklezio pli kaj pli fortiĝos kaj disvastiĝos en la lando... »

J. LUNEMAN.

**Noto.** — Ni tre konsilas la tradukon de tiu interesega artikolo en naciaj lingvoj, ĉar ĝi liveras interesajn informojn pri la *Vivo de l' Katolikismo* en Holando. Ni ja scias, ke vera vekiĝo al Katolikismo okazas en tiu lando.

LA DIREKTORO.

## LA VIVO EN MISIO

« Ne kredu, mia kara, ke mi tie ĉi nur predikas, faras la meson, kaj administras la sakramentojn. La misiisto devas zorgi multajn aliajn aferojn. Entreprenota estas unue venigi la paroĥanojn. Ili estas tre malfidemaj, tre suspektemaj, kaj sin timas reciproke. Veraj sovaĝuloj, ili forkuras kiam oni alpaŝas. Eĉ iam ili pafas al vi. Nun ili kontentiĝas respekte interspaci. Se vi renkontos unu viron kaj lin demandos « ĉu estas vilaĝo tien ĉi? » neŝanĝeble li respondos : ne, aŭ li al vi montros malveran direkton. Kiom ofte mi kuris vane, kaj tute perdiĝis en arbaro? Feliĉe mia anĝelo rekondukis min en bonan vojon. La lando ne estas homhava ; la enlanduloj vivas po familiaroj da 10, 15, 20 dometoj, memstaraj kaj malproksimaj. Sekve, malfacile estas kunigi la homojn, precipe la infanojn.

Poste mi ne havas la lingvodonon. Mi devas lernadi diversajn dialektojn. Kia mizero, kaj kiel granda laboro!

sen helpo, nek perulo! Mia servisto, pretende katekisto, estas perfekte malsprita. Li estis por mi pli incitanta kaj erariganta ol helpanta. La bedaŭrindo estas ke li neniam dubas; li ne diros al vi ke li nescias tion, pri kio vi demandas lin. Tial li estas kontrolota kaj rekontrolota. Trovi la vortojn ne estas ĉio; sciota estas ilin ordigi, kaj ankaŭ ilin memori. Ho! la memoro rapide pumpata estas de la suno en tiuj ĉi landoj. Tamen mi ekbalbutas iomete unu landolingvon, kaj eĉ alian. Mi faris vortareton de ambaŭ lingvoj, unu pecon de gramatiko, kaj tradukis jen bone, jen malbone, la figuraĵan katekismon de Monsinjoro Le Roy (1).

Kun tio mi devis ankoraŭ konstrui domon, ĝin ŝtuki por antaŭgardi kontraŭ la termitoj, kavigi puton, porti lignon kaj pajlon, martelumi, trui, ktp.

Rilate al la ministraĵo, neniam estas mallaboro konfesoj, baptoj, katekismoj por viroj, por virinoj, okupadoj por junulinoj estas ĉiutagaj aferoj. Dio scias, ĉu oni penas interesi, kaptivi per figuroj kaj historioj. La instruadon oni donas po bekaĵoj. Sed nenio restas en la kapoj estas kiel akvo sur la plumaro de anaso. Al ili mankas, al multaj almenaŭ, la pripens-maŝino. Por ĉio, necese estas multa tempo kaj pacienco. Eĉ necesus la miraklo-dono. Kion vi volas, mi ne povas konvinki la homojn, ke al mi estas neebla resanigi la blindulojn, la lamulojn, la paralizitojn. Ili ne kredas min, kaj opinias, ke mi ne estas tre donacema. Por venki mian malamemon, ili proponas al mi kokinojn kaj palmovinon. Ho ve! mi ne estas ankoraŭ sufiĉe kanajlo aŭ sorĉisto por trompi tiujn malfeliĉulojn.

Ĉu vi volas koni kuriozan fakton? Hodiaŭ vespere, mi estis katekismon faronta; sed tutposttagmeze io al mi diradis: Iru al la vilaĝeto. De mi tie nenio speciala estis zorg-

---

1. Ni tre konsilas al la redaktoro de tiu artikolo, ke li traduku en Esperanto la nomitan katekismon. Kiel granda helpilo ĝi estus por la misiistoj! (Noto de la Direktoro de E. K.)

ota, precipe tial ke mi estis lasonta la katekismon. Ja mi iris nesciante kial; tiu pensado senĉese min sieĝante. Nu, estis por bapti infanon, kiun sur la vojo mi trovis mortanta.

Ordinare mi fartas bone, sed nelongatempe, el la dornarbetejo revenante, mi kaptis fortan febron. Mi ne ŝercis kun la malbono, mi tuj forpelis ĝin kinine. Cetere, kiam estas malfortiĝo, mi rimedas per bona pipo. Senkostan tabakon mi havas : ĝi estas el mia ĝardeno.

Preĝu por mi multege, mia kara, kaj se la Dio Bona enblovas sur vi la sindonon apostolan, venu kun mi. »

Paŭlo Thierry.

---

# EVOLUCIO DE RELIGIA IDEO

(Respondo al S-ro Ghisleno Belgano.)

*Sed kion li farus kontraŭ tri?*
*Li mortu!*

Vere, kiel la malfeliĉa, Horacio, mi ne estas ŝancema. Kiel lin, oni min atakas triope; oni estas devigata kuniĝi triope por min venki. Verdire Titus-Livius kaj post li Corneille al mi sciigas, ke Horacio ne mortis, ke

*Bela malespero lin tiam helpadis,*

kaj ke li sola kontraŭe mortigis la tri Kuriacojn jam plimalpli vunditajn. Kompreneble tia certigo donas al mi multe da kuraĝo.

Tamen per stranga fenomeno la roloj interŝanĝiĝis. En la pasinta tempo Horacio batalis por, kaj la tri Kuriacoj kontraŭ Romo; sed

*Ŝanĝas naturajn aferojn longega daŭrado da jaroj,*

diras prave Virgilio. Hodiaŭ la tri Kuriacoj batalas por Romo, kaj diras al mi

« *Ni ne vin konas plu;* »

dum mi respondas ĝemante :

« *Mi ĉiam vin konas;*

ĉar ni ciuj partoprenas la saman esperantan familion; ĉar se mi vin mortigus, mia konscienco farus al mi tro kruelajn riproĉojn, ĉar fine la tuta Esperantistaro prave ne min pardonus, ke mi ĝin senigis je tri el ĝiaj plej eminentaj infanoj.

Do ne timu. Cetere, kiam eĉ mi sentus en koro tiel sovaĝajn dezirojn, mi ne povus ilin realigi. Elektive, kiel mi jam diris al mia unua Kuriaco, ni ne staras sur la sama kampo, do ni ne povas nin renkonti, sekve nin kontraŭbatali reciproke. Ni similas du duelistojn, kiuj, kvankam loĝante en la sama Esperanta domo, tamen sin lokis sur du malsamajn etaĝojn. En tiaj kondiĉoj, ili povas nur pafi al muro; kaj kompreneble la vundoj ne estas timeblaj.

Do mi ne batalas, mi eĉ ne diskutas; mi nur rimarkigas, ke en via respondo legiĝas kelkaj frazoj, kiuj pruvas, ke mia penso ne estis sufiĉe akurate komprenita. Kredeble la sola kulpiginda estas mi, kiu ne sciis esprimi mian ideon sufiĉe klare.

Unue, mi ne diris, ke la papeco estas *droninta,* sed ke ĝi estas *dronanta*, aŭ prefere *dronadanta*; kaj mi aldonis : *malrapide* kaj *iom-post-iome*. Ĉu tiu dronado plene efektiviĝos en la venonta tempo? Tion mi ne scias; kaj tion neniu povas scii. Tamen se vi volas koni mian kaŝitan penson, jen estas ĝi (kaj mi esperas, ke vi donos al mi bonan punkton pro tiu konfeso) se mortiga dronado realiĝos, ĝi okazos nur post longa, tre longa, longega tempo; kaj eble eĉ ĝi neniam efektiviĝos tute plene. Kiam religio mortas, tio, kio malaperas, ne estas la Kredo, sed la aro da kredantoj : sed ju pli fideluloj kaj pastroj maldensiĝas, des pli ili fariĝas fervoregaj; kaj tiam la kvalito anstataŭas la kvanton. Estas pli facile senti reciproke siajn kubutojn en malgranda kapelo ol en vastega katedralo. Tion vi majstre priskribis en la paĝo 130 de E. K.

Aliparte la religioj enigis en la koron de popolamasoj tiel profundegajn radikojn, ke ekzistas neniu forto sufiĉe potenca por ilin plene eltiregi. La plej antikva religio de l'homaro, mi volas paroli pri la Egipta, ne mortis tute.

Oni ĝin retrovas dum Mezepoko en la misteroj de Templanoj kaj de Rozo-Kruculoj; kaj en la nuna tempo la religio de okultistaj altgradaj iniciatitoj estas ankoraŭ la kulto de Oziris.

Kiam la Mahometanoj invadis Persujon, ili forpelis la Zoroastran religion tamen en centra Azio kaj precipe en Indujo oni ankoraŭ kalkuliĝas multaj miloj da Parsisoj, kiuj adoras Fajron kaj ne enterigas siajn mortintojn, sed ilin kuŝigas sur la supraĵon de Silentaj Turoj.

En urbetoj kaj precipe en vilaĝetoj de nuntempa Grekujo la antikva paganismo estas tiel viva kiel en la Periklesa epoko; sed malforta kristana glazuro ĝin kaŝas el okuloj de malatenta observanto. Tamen ne estas malfacile malkovri sub la maldika kaj diafana katolika tavolo la nedifektitajn trajtojn de Olimpaj dioj. Certe hodiaŭ la Greka kamparano ne preĝas plu la diinon Minerva, la diinon de Saĝeco; sed li ĉiam preĝas la sanktulinon Minerva, kiu, estante la plej saĝa el ĉiuj aliaj sanktulinoj, donas la saĝon al siaj adorantoj. Oni povus sammaniere paroli pri ĉiuj aliaj Olimpanoj.

Fine eble oni kredas, ke ĉiuj Ĵansenistoj malaperis. Tamen mi konas familion, kies anoj ne nur partoprenas ankoraŭ la kredojn de tiu sekto laŭ ĝia teologia vidpunkto, sed plie sin submetas sub ĝiajn praktikaĵojn, deklamas ĝiajn preĝojn, kaj skrupule observas ĝiajn severegajn fastojn.

Pro tio, mi ne supermezure mirus, se post du, tri, kvar mil jaroj, ekzistus ankoraŭ kelkaj katolikoj, maldense dissemataj sur la supraĵo de la terglobo kaj ili komprenεble ĉiam havus papon, kiel spiritan estron. Sed tio estas la sekreto de l'estonteco.

Mi konfesas, ke mi ne povas diveni, al kio vi aludis, kiam vi parolis pri *miaj* apologiistoj, kiuj ne estas la *viaj*. Mi ne havas apologiistojn al mi proprajn; mi ne posedas tiun specialaĵon. Mi ne volis paroli pri katolikaj apologiistoj speciale, sed pri *ĉiuj* apologiistoj ĝenerale, kiuj, *kiaj ajn ili estu, al kia ajn partio ili apartenu*, estas ne his-

toriistoj sed nur advokatoj. Sed oni scias (kaj kredeble neniu malkonsentos kun mi pri tiu punkto), ke, kiam advokato gajnis sian proceson, tio pruvas, ne ke lia kliento estas prava, sed ke li (mi parolas pri la advokato) havis sufiĉe da lerteco por kredigi al la juĝistaro, ke lia kliento havas por si la rajton. Unuvorte proceso gajnita pruvas ne la pravecon de l'kliento, sed la elokventecon de l'advokato. Se tio ne estus vera, la advokatoj ne bezonus havi talenton.

Vi diras, ke Leone XIII-a, malfermante al ĉiuj kaj al ĉiaj historiistoj la sekretajn arĥivojn vatikanajn, diris « Ni ne timas veron. » Mi dankas vin pro tiu informo, kiun mi ne konis. Certe la gesto estas bela, sed terure danĝera. Pro tio, Pio X-a, lia posteulo ne ĝin aprobis, kaj pruvis, ke li ne partoprenas la eble tro larĝajn ideojn de sia antaŭulo. Efektive, se oni konsideras la demandon vidpunkte de la konservado de Kredo kaj de Dogmaro, oni estas devigata konfesi, ke la nuna papo estas prava.

En mia verketo pri *Evolucio de la Religia Ideo*, verketo skribita dum la jaro 1904, mi diris

« Multaj signoj montras, ke la rigida kadro de malnova katolika dogmaro krakas ĉiuparte. La senhalta Revelacio de Vero inokuliĝas iom post iom en profundajn amasojn de pastraro mem; kaj cerboj vekiĝas el sia dormado dek naŭfoje jarcenta. »

Kaj ĝuste, la lastan jaron, en sia Encikliko pri la Modernaj Doktrinoj, la papo parolas pri *tiuj pastroj, kiuj volas renovigi Eklezion, kaj kies densa armeo maltime atakas ĉion, kio estas plej sankta en la verko de Jesuo-Kristo, ne respektante lian propran personon kaj Lin malaltigante per sakrilegia maltimego ĝis la simpla kaj sola homeco*. (Encikliko pri la Modernaj Doktrinoj. Religia Pariza Semajno, no 2802; paĝo 355).

Certe kiam mi verkis mian artikolon, mi ne kredis, ke tiu Evolucio jam vastiĝis tiel rapide : mi pensis, ke mia antaŭvido efektiviĝos nur post multe da tempo, kaj neniel mi povis supozi, ke post tri jaroj la estro de Katolikismo

tiel plene konsentos kun mi, ke li estos devigata publikigi sian severegan Enciklikon kontraŭ la moderna pastraro, kaj kondamni en Anglujo la pastron Tyrrel; en Germanujo, la pastron Warmund; en Francujo, la pastron Loisy, kiu opinias, ke Evangelioj ne enhavas pruvojn pri la dieco de Kristo; kaj fine en Italujo, la pastron Minocchi, kiu en seminario, kies direktoro li estis, instruis malkaŝe, ke Tera Paradizo estas nur simbolo, sed tute ne historia fariĝo. Kredeble se Leono XIII-a estus antaŭvidinta la konsekvencojn de sia komplezo, li ne estus malferminta al historiistoj la Vatikanajn arkivojn, kaj ne estus dirinta : « Ni ne timas Veron. »

Vi citos nomojn de veraj sciencistoj, kiuj *restis katolikaj, konstatinte la veron sciencan sed nekonstatinte la veron religian* mi povus miavice citi aron ankoraŭ pli vastan da eminentaj veramantoj, kiuj ne opinias tiamaniere; mi volas paroli pri la preskaŭ tuteco de ĉiuj medicinaj aŭ sciencaj Akademianoj aŭ profesoroj, ĉe ĉiuj landoj kaj en ĉiuj popoloj sed mi deziras min montri grandanima, kaj mi min kontentigos per la solaj antikvaj geniuloj, kiel Hippocrates, Plato, Aristoteles, Cicero, Virgilio, Seneka, ktp., kiuj, kvankam ili estis kaj restis la plej potencaj cerboj de l'homaro, tamen kredis al la ekzisto de Olimpaj dioj. Lucretius mem, la verkisto de tiu admirinda poemo titolita : *De natura rerum;* Lucretius, kiun oni konsideras kiel la patron, kiel la unuan apostolon de materialismo, kredis al Jupitro kaj al aliaj diaĵoj nur li opiniis, ke tiuj Superuloj vivas gaje en sia ĉiela palaco, kaj ne sin okupas pri homaj aferoj. Do apogi rezonadon sur tiun fakton, ke homo ia, eĉ tre inteligenta, kredas ion, pruvas nur, ke tiu homo havas kredon, sed tute ne, ke tiu kredo estas vera. Ĉar malgraŭ la neprotestebla supereco de famaj antikvuloj antaŭe cititaj, la Olimpanoj vaporiĝis, lasante nur kelkajn postsignojn en la koroj de modernaj orientaj kristanoj, kiel mi diris antaŭ momento.

Vi parolas pri ateistoj. Sed antaŭe bezone estus akurate difini la sencon de tiu vorto. Kio estas ateisto? Kredeble

vi respondos : « Ĝi estas homo, kiu ne kredas al Dio. » Tiam mi demandos : « Kio estas Dio ? » kaj certe mi ricevos tiom da malsamaj respondoj, kiom ekzistas da homoj sur la supraĵo de la terglobo. Poste se mi kontrolas ĉiujn tiujn diversajn respondojn, mi rimarkos, ke ĉiu homo estas ateisto, kaj samtempe ke neniu homo estas ateisto. Eble vi opinios, ke tiuj du certigoj sin detruas reciproke ; sed, konkludinte tiamaniere, vi erarus ; ĉar en ili troviĝas paradokso nur ŝajna. Reale tiuj malaj respondoj estas ambaŭ veraj, aŭ, se vi volas, certaj, aŭ ankaŭ evidentaj, ĉar por mi tiuj tri vortoj havas saman sencon.

Efektive se oni nomas Dio ĉu abstraktan ideon pli-malpli realigitan, ĉu superhomigitan homon, kompreneble ne estas strange, se ĉiuj terloĝantoj ne akceptas tian diecon, kaj se ili proponas siavice alian ne malpli neverŝajnan dion. Ekzemple : kiam, en la unuaj epokoj de Kristanismo, la novaj adorantoj de Kristo pli ŝatis suferi morton ol aferi al Jupitro, ili kulpigis Paganistojn, ke ĉi tiuj lastaj estas ateistoj, tial ke ili ne kredas al la dieco de Kristo : sed siavice tiuj samaj Paganistoj kulpigis siajn viktimojn, ke ili estas ateistoj, tial ke ili ne volas akcepti la diecon de Jupitro : kaj jen estas kial ili ilin mortigis. Nu, ambaŭ estis same pravaj aŭ malpravaj, kiel vi volos : ĉar en tiaj cirkonstancoj tiuj malsamsencaj adjektivoj havas reale saman sencon.

Se vi diras al Mahometano, ke li estas ateisto, li koleros kontraŭ vi kaj vin minacos, certigante, ke Allah estas la sola Dio. Se vi riproĉas Indanon, ke li ne kredas al Dio, li vin rigardos kun malestima rideto, kaj iros sin ĵeti sub la radojn de la ĉaro de Jaggernaut, esperante, ke la diino Kali, tuŝita de tia pieco kaj de tia afero, ebligos por li eternan feliĉecon en la brusto de Brahma. Estas evidente, ke tiu fanatikulo, simila al antikvaj kristanoj, *havas certecon, eĉ tre fortan certecon, por forlasi vivon certan, kaj ke li ne kurus al morto, kiun sekvus necerteco.*

Do, kiel vi vidas, ĉiu homo montriĝas ateisto rilate kun la kredo de sia najbaro ; kaj mi estas certa, ke mi ne vin

ofendos, certigante, ke vi estas ateisto al Oziris, al Apollo, al Budha aŭ al Vishnu.

Sed se vi nomas Dio la grandan Kosman forton, tiun unikan forton, kiun nia tro malforta cerbeco ne povas, kaj kredeble neniam povos plene kompreni, tiun forton, kiun la antikvuloj nomis *Fatum*, tiun forton, kiun la grandaj hebreaj profetoj antaŭdivenis, kaj kiun konstatis la modernaj eksperimentoj de la nuna Scienco, se vi nomas ĝin Dio, tiam mi al vi respondos « Ne ekzistas unu sola ateisto; ĉar neniu homo povas nei la ekziston de la potenco, kiu movas Universon. »

Doktoro VALLIENNE.

---

### KONKLUDO

Ni kredas, ke ni devas fini tiun diskuton, ĉar ĝi povus daŭri kelkajn monatojn sen frukto ŝatinda por niaj legantoj. La diskutantoj akceptas tro malsamajn deirpunktojn por esperi, ke ili iam interkonsentos. Tion mi sube klarigos.

Unue, kelkaj rimarkoj pri tiu lasta respondo de D-o Vallienne.

Li iom ŝercas, komencante; sed mi volas teni lian gravan konfeson « *Se mortiga dronado* (de l' papeco) *realiĝos, ĝi okazos nur post longa, tre longa, longega tempo; kaj eble eĉ ĝi neniam efektiviĝos tute plene.* » La katolikoj povas do esti iom pli trankvilaj! La profetita « dronado » estas danĝero ne tre timinda! kaj la malamikoj de Eklezio ĝin profetadas de tre longa, longega tempo! Kial do, kara Doktoro, vi tiel timigis nin en antaŭa artikolo?

*Pri apologiistoj* Cu vere ili estas nur advokatoj elokventaj? Cu la *faktoj* (laŭ eksperimenta metodo, tiel kara al niaj sciencistoj) ne entenas en si mem lecionojn, konkludojn? Cu ne estas permesita *paroligi* la faktojn kaj tiri el ili rajtajn konkludojn? Tion faras ĉiutage, sur la scienca kampo, la sciencistoj. Apologio estas do rajta

kaj legitima, kvankam apologiistoj — kiel sciencistoj — povas eltiri el la faktoj erarajn konkludojn. La malbona uzo, aŭ la trouzo de metodo ne implikas la kondamnon de la metodo mem.

*Pio X-a kaj la malfermo de arkivoj Vatikanaj.* — Mi neniam aŭdis, ke Pio X-a bedaŭris kaj malaprobis la « geston » de Leo XIII-a. Ĉu la Enciklikо pri Modernismo tion krediĝas al vi, Doktoro? Nu, vi tute eraras, ĉar fine de tiu Encikliko Pio X-a deklaris, ke li *ne* kondamnas la modernajn metodojn sciencajn, ke tre kredeble oni akuzos lin pri tio, sed ke la vero estas tute alia.

*Fine pri ateismo* Ni vere ne povas akcepti la rezonadon de D-ro Vallienne, « *ke ĉiu homo estas ateisto, kaj samtempe ke neniu homo estas ateisto.* » Malgraŭ la lertaj klarigoj liveritaj pri tiu paradokso, ĝi kontraŭdiras la ordinarajn regulojn de rezonado... Ni nenion plie diros pri ĝi!

Kara Doktoro, vi lerte ludas kun vortoj, sed mankas al vi la kono de esenca elemento por paroli pri religio kaj katolika Eklezio. Vi ne akceptas *supernaturecon*. Vi do rezonas pri religio katolika, forĵetante elementon esencan. Estas tute komprenebla, ke vi alvenas al konkludoj eraraj.

Ekzistas en Kristanismo elementoj homaj kaj supernaturaj elementoj, inter kiuj revelacio Dia kaj promeso de Kristo « Mi estos kun vi ĝis fino de l' jarcentoj ». La homaj elementoj ofte skandalizas kaj ofte koruptiĝas. Sed la Diaj fermentoj ĉiam resaniĝis kaj ĉiam resaniĝos la malsanan korpon. Deko da « eminentaj » modernistoj ne sufiĉas por mortigi Eklezion de Kristo. Kiel oni legas en Evangelio « *Kristo, reviviĝinte el mortintoj, ja ne mortas plu.* »

EM. PELTIER.

---

KATOLIK-ESPERANTISTAJ SOCIETOJ. — **Pro troa materialo, ni prokrastas la nomarojn de niaj societoj ĝis la venonta numero.**

**Em. P.**

# JESUO AL L' ANIMO



1. Ho kara, karega Kristana animo,
Aŭskultu ho voĉon vi mian alvokan;
Ja mi vin amegas senfino nek limo
Kaj amon petegas al vi reciprokan.

2. Ja Dio mi estas kaj Mastro ja via
Kaj mi superege min mem ĝojegigos,
Sed iĝis edzino per bapto vi mia.
Kaj mian vi koron al vi sopirigas.

3. Vi mian amegon al vi jam ekkonis :
Mi vin, servistino malpura, malbela,
Malsaĝa kaj eĉ ribelinta, pardonis
Kaj faris edzino ekvale nobela.

4. Vi rajtojn kaj gracojn multprezajn akiris
Per bapto, vi igis surhoma kaj dia;
Sed poste l'abismojn vi malsupreniris
Kaj sankta haltigis baril' vin nenia.

5. Vi longe eraris for de mi, reĝino
De mi ricevitajn l'ornamojn trenanta
En koto senhonte kaj malĉastulino
Kun la malĉastuloj malsaĝe vivanta.

6. Vi peki nek ĝui feliĉon laciĝis
Kaj fine revenis al mi, forlasita
Nek mi atendante malpacienĉiĝis
Kaj brakojn malfermis al vi retrovita.

7. Havante en mi mem ialon superan,
La mia feliĉ pligrandiĝi ne povas,
Eĉ se kreitaĵo amata la veran
Kaj per mi kaj en mi feliĉon retrovas,

8. Ne min do mi volos sed vin feliĉigi
Ĉi tie kaj poste en mia Ĉielo,
Kaj sola mi povas ĝin efektivigi,
De ĉia beleco eterna modelo.

9. Ĉi tie : ĉar en mi satiĝas prudento
Per vero kaj volo per am' kaj adoro,
Precipe per mia korpo-sakramento,
De ĝoj' kaj de am' Oceano por koro.

10. Ho mia ja korpo la vundojn sanigas,
Lumigas prudenton, fortigas volecon
Kaj eĉ ĉiutage — ĝin Papo ebligas, —
Mirige transportas vin en la diecon.

11. Per bapto fariĝis edzino vi mia :
Vi min ĉiutage ricevu ameme
Kaj Dio mi via kaj Mastro ja via
Mi donos feliĉon al vi malŝpareme.

12 febr. 1908. GHISLENO BELGANO.

## *LA VIVO DE L' KATOLIKISMO*

ROMO.—La fakto la plej rimarkinda de la monato estis la Greka meso, kantita la 12-an de februaro por Sankta Johano Krizostomo, en la ĉambro de l' Beatigoj, per Greka patriarko Cyrillo VIII-a, antaŭ Papo Pio X-a, kiu prenis parton aktivan kaj direktan en ĝi. Fakto rimarkinda : Cefepiskopo kiu ĉeestas ceremonion diversan de sia rito, pronuncas la formulojn en sia liturgia lingvo, kaj ne en la lingvo de l' ceremonio. Tamen Pio X-a, per speciala volo tre decidata, volis malsekvi tiun regulon, pronuncante mem la formulojn greke, certe por montri ankoraŭ unu fojon, ke la Papo de Romo estas kaj konsideras sin kiel Patro kaj Paŝtisto de ĉiuj membroj de l' granda familio kristana, kaj ankaŭ ke la intenco de l' Papo estas respekti kaj favori al rajtoj kaj tradicioj de l' Orientaj Eklezioj. Ĝi estas la unua fojo, kiam tia ceremonio okazis en la Romana Eklezio.

Ĝi estas rekompenco rezervita de la Providenco al Sankta Johano Krizostomo, prezentita dekkvin jarcentojn post sia morto per la Latina Eklezio kaj la

Romana Papo al la plej granda el la doktoroj kaj el la pontifikoj de l' Greka Eklezio. Tiu triumfo estas plena de espero, kiel diris Pio X-a; la Romana Eklezio ĉiam ploras pri la Orientaj filoj, kiuj disiĝis de ĝi. Ĝi ĉiam multobligis la pruvojn de sia amo por ili, de sia fervora deziro vidi ilin reeniri en la unuiĝo dezirata de l' Fondinto de la Kristana Eklezio. La Papo volis rimarkigi tiun signifon de la festoj de l' greka doktoro en la grava parolado, kiun li pronuncis al la kunsido de februaro 13-a, antaŭ patriarkoj, ĉefepiskopoj, pastroj kaj laikoj orientaj. Li memorigis la glorojn de l' Oriento, naskejo de l' Kristanismo. Li deziras la malaperon de l' antaŭjuĝoj, kiuj malpermesas konvertiĝojn pli multajn. Li memorigas la multajn pruvojn de amo, kiujn la papoj donis al Oriento; li memorigis ĉion, kion la Sankta Sidejo faris por la defendo, la konservo kaj la relevo de l' Kristanaro Orienta, montrante nek rigoron por iliaj ŝanceliĝoj, nek indiferentecon por iliaj destinoj. Pio X-a mem fervorege ŝatas Orienton, ĝis deziri la revenon de l' belaj periodoj, dum kiuj Oriento vidis la Anakretojn, la Evaristojn kaj aliajn, ĝis Gregorio III-a regantajn Eklezion. Laŭ la deziro de l' Papo, la Orientanoj, kiuj aŭdis lin, rediros al siaj fratoj tiujn alvokojn pli kaj pli fervorajn de la posteulo de Sankta Petro. Kaj inter tiuj Orientanoj estis kelkaj el ĉiuj eklezioj, ĉiuj ritoj kaj ankaŭ el ĉiu aĝo; ĉar la orientaj seminarioj, fonditaj de Leono XIII-a, estis tie, hodiaŭ lernantoj, morgaŭ pastroj. Tiuj festoj, kiuj pruvas la nemoveblecon de la katolika doktrino, helpos malaperigi la malkompreniĝojn, la malfidojn, la timojn, kiuj staras kontraŭ la Unuiĝo. (Laŭ *Revue du Clergé Français*).

*La festo de l' Papo.* — Ĵaŭdon, la 20-an de marto, je la 11-a, Pio X-a ricevis la Komitaton de la festo de sia jubileo, la supran konsilantaron de la *Katolika Juneco*, la rajtigitojn de l' *Populara Unuiĝo*, de l' Unuiĝo por elektantoj, la membrojn de l' *Klubo Sankta-Petro*. Post la preĝoj por la Papo, Kardinalo Rampolla donis sian benon. (Laŭ *La Croix.*) FL. TOULMÉ.

Slovenlando-Aŭstrio. — La slovena episkopo, lia Moŝta D-o Antonio Bonaventuro Jeglič (in Ljubljana, lat. Labaci), publikigis Leteron, invitante la fidelojn de sia diocezo, ke oni solenigu en tiu ĉi jaro tri jubileojn : 1) La pastran jubileon de Pio X-a, la 50-an datrevenon de lia pastriĝo; la jubileon de l' Aparacioj en Lourdes; 3) la jubileon de sia aminda, maljuna imperiestro (Aŭstrio), la 70-an datrevenon de lia regirado.

Tiuj ĉi festoj estos grandege solenigitaj en la tuta diocezo *Labacensi*.

El nia speciala korespondanto : Leop. Erziu.

## La « Petra Monero ».

Okaze de l' Jubileo de Pio X-a, la katolikoj en la tuta universo faras donacojn al nia S. Patro. Oni scias, ke depost la tempo, kiam la Estro de l' Eklezio katolika estis senigita de siaj ŝtatoj, la katolikaro kreis la « Petran Moneron », por helpi al la bezonoj de l' Papo kaj de l'Eklezio. Ni pensas, ke *Espero Katolika* devus esti reprezentata. precipe tiun ĉi jaron, en la donacantaro. Mi do proponas al niaj karaj legantoj, ke E. K. malfermu subskribon por la *Petra Monero*. Tiom malgranda, kiom estos nia donaco, ĝi montros nian submetiĝon kaj amon al la Sankta Patro de l' Katolikaro. E. K. ne estas riĉa, bedaŭrinde. Ĝi malfermas la subskribon, promesante donaceton da 25 fr. (10 Sm.). La plej malgrandaj sumoj estos akceptataj dankeme.

*Subskribo de la Legantoj de E. K. por la « Petra Monero »*

| | |
|---|---|
| Espero Katolika | 25 fr. |

## PROPAGANDA KRONIK

### *Inter la Katolikoj.*

**Franca.** — *L'Avenir Bourguignon* afable daŭrigas analizon de E. K. ĉiumonate. Ni tre dankas nian amikon,

kiu bonvole faras por E. K. tiun propagandon; ĝi estas fruktodona kaj jam varbis abonantojn.

En *Cognac*, P-o S., fervora Esperantisto, ankaŭ propagandas per artikoloj en ĵurnaloj en *L'Indicateur de Cognac* okaze de vizito de Japana ŝipo; en *L'Ère Nouvelle* (23 fév.) pri la komedio *Héritage Klodarec*, de So de Ménil.

P-o S. proponas bonegan rimedon por varbi la komercistojn. Jen la legantojn de E. K. devus skribi en Esperanto por peti katalogojn aŭ informojn de la komercistoj. Tiuj ĉi devus serĉi tradukistojn aŭ sekretarion, kiu konus Esperanton. Jen adresoj de komercistoj en Cognac (Charente), kiuj vendas brandon S-oj James Hennessy, Jean Hennessy, Pellisson, De Bournonville, Curvillon, Martell. Ankaŭ S-oj Colas kaj K-o, fabrikantoj de ilustritaj poŝtkartoj. — Provu la aferon.

**Angla.** — En Manchester, nia amiko, S-o Slater, fervore propagandas por E. K. Sed, li skribas, la katolikoj estas tre malfacile konvinkeblaj. S-o Slater faris tri paroladojn en diversaj parokoj. Ni tre konsilas al li tradukon en anglaj ĵurnaloj de kelkaj artikoloj de E. K.

**Holanda.** — La grava katolika ĵurnalo *De Christelijke Actie* publikigas tradukojn de E. K. en preskaŭ ĉiuj numeroj. Legiĝas tiaj artikoloj en n-oj de 14 dec. 07, 11 jan., 18 jan., 22 feb. kaj 7 mart. Jen la titoloj de la tradukaĵoj *Lourdes*, la *Socialaj Kristanoj* de J. Meazzini, *Kion eminentaj Protestantoj pensas pri la monaĥejoj, Historia Memoraĵo pri Napoleono, La Eklezioj Anglikanaj*.

Ni tre gratulas S-on Luneman, kiu faras tiujn tradukojn. Ni ne dubas ke lia agado estos fruktodona, precipe se li sukcesos publikigi en la sama ĵurnalo elementan kurson pri Esperanto.

**Madeira. — S-o Cefeĉ, nune en insulo Madeira, sukcesis fondi grupon en la seminario de urbo Funchall. La nomo de l' grupo estas Esperantista Grupo de l' Seminario. Hon. Prez.: Prof. P. Manuelda Silveira; Vic-Prez.: S-o Francesko Fulgencio d'Andrade; Sekr.: S-o Manuel Vascancellos.**

Nova kurso komencis la 4-an de aprilo por la urbanoj. Jam pli ol 50 enskribis siajn nomojn.

La gazeto *O Jornal* de Funchall raportas pri la unua kurso farita de S-o Cefeĉ kaj liveras la nomojn de la lernantoj, kiuj gajnis premiojn S-o F. F. d'Andrade, Rev. Pastro Abel da Silva Blanco, S-o A. G. Graca kaj S-o J. Gonsalves dos Santos. La premioj estis la *Krestomatio*, de D-o Zamenhof, 50 ekz. de *Chave do Esperanto* kaj *Katolika Preĝaro*. Plej sincerajn gratulojn al nia amiko S-o Cefeĉ.

**Junularo katolika Chila.** La nova gazeto « *Chilo Esperantista* alportas al ni la novaĵon pri kreo de la grupo de junaj katolikoj, en la lernejo de *San José*, direktita de « Salesaj Pastroj ». La juna kaj fervora pastro Aug. Meltzer tre sindoneme sin okupas pri tiu grupo. Chilujo revekiĝas ! Brave !

*AVIZO. — Ni insiste petas niajn abonantojn, ke ili bonvolu sendi al ni multajn detalojn pri ilia propagando inter katolikoj. Simpla poŝtkarto povas enhavi multajn kaj utilajn informojn. Ni ĉiam citos la nomon de la sendinto.*

## PAĜO DE L' DIREKTOR

**Noto.** — Pro diversaj kaŭzoj (instalo do nova presmaŝino, malsano de l'Direktoro) tiu numero aperas iom pli malfrue. Same estis malfruigitaj *Lando de mirakloj* kaj la *Jarlibro*. Niaj legantoj bonvolu pardoni tiujn malfruojn : homo proponas, Dio disponas.

**Imitado.** — Ni komprenas la senpaciencon de multaj, kiuj de longe deziras tiun verkon. La 1-a Libro estos baldaŭ presata. Paciencu ankoraŭ iom.

**Kongreso Kvara.** — Ni rekomendas atente legi la artikolon pri niaj kunvenoj katolikaj en Dresden, sub la rubriko : *En la Mondo Esperantista.* Ĉiuj legantoj estas petataj respondi la demandojn.

**Respondo al kelkaj** pri « Kronik », « Direktor », sen finaĵo. — Ni tre miras, ke kelkaj legantoj protestis kontraŭ la uzo de tiuj formoj. Ni nur aplikas regulon de l'*Fundamento* ĝis nun aplikatan nur en poezio. Ni estimas ke tiuj formoj tre taŭgas almenaŭ por titoloj. Ni eĉ estimas, ke ili iom malpezigus la stilon en la tekstoj.

Sed, malgraŭ la regulo de l'*Fundamento*, oni kredeble diros ke ni faras *reformon!*

**Analizo de naciaj gazetoj katolikaj.** — Dezirante fari de E. K. revuon ĉiam pli interesantan, ni intencas liveri analizon aŭ ekstraktojn el la plej gravaj gazetoj katolikaj. *Ni petas korespondantojn por tiu laboro en ĉiuj nacioj. Oni skribu al ni por pliaj informoj.*

## BEDAŬROJ PRI MIA MALNOVA ĈAMBRA ROBO

Kial mi ĝin ne konservis? Mi kutinuiĝis kun ĝi, kaj ĝi kun mi. Ĝi senĝenante modelis ĉiujn formojn de mia korpo : pentrinda kaj bela mi estis. Kun la nova, rigida, amelumata, mi havas ŝajnon de kvazaŭhomo. Al ĉiu bezono ĝi estis kompleza, ĉar la malriĉeco preskaŭ ĉiam estas servena. Kiam libro estis kovrata per polvo, ĉiam unu el ĝiaj anguloj sin proponis por ĝin viŝi. 'Cu la densa inko rifuzis flui el mia plumo? ĝi prezentis la flankon. Oni vidis sur ĝi skribitajn per longaj nigraj strekoj la oftajn servojn, kiujn al mi ĝi estis doninta Tiuj longaj strekoj anoncis literaturiston, verkiston, laboranton. Nun, mi ŝajnas riĉa mallaboremulo; oni ne scias, kiu mi estas.

Sub ĝia rifuĝejo, mi timis nek la mallertecon de servisto, nek la mian, nek fajrajn pecojn, nek disverŝon de akvo. Mi estis absoluta posedanto de mia malnova ĉambra robo; de l'nova mi fariĝis sklavulo...,..

Amikoj, konservu viajn maljunajn amikojn, timu atingon de riĉeco; ke mia ekzemplo estu por vi instruo. La

malriĉeco havas siajn liberecojn, la riĉegeco sian ĝenon.

Ne estas finita. Aŭskultu, kion kaŭzas la ruinigoj kaj sekvoj de lukso konsekvenca.

Mia antikva ĉambra robo harmoniumiĝis kun la aliaj malnovaĵoj, kiuj min ĉirkaŭis. Pajla seĝo, ligna tablo, tapeto de Bergame, abia tabulo, kiu subtenis kelkajn librojn, ne enkadrigitaj gravuraĵoj, nigrigitaj per la fumo kaj najlitaj ĉe l' anguloj sur tiu ĉi tapeto ; inter tiuj gravuraĵoj, tri aŭ kvar pendigitaj gips-ornamaĵoj formis, kun mia malnova ĉambra robo, la plej harmonian malriĉecon.

Ĉio estas senharmonia; konformeco, unueco kaj beleco ne ekzistas plu...

Jenon mi vidis la Bergama tapeto cedis la muron al Damas'a ; la pajla seĝo estis forpelita en la antaŭĉambro pro la marokena seĝego ; Homero, Virgilio, Horaco, Cicerono forlasis la maldikan tabulon fleksantan sub ilia maso kaj enfermiĝis en ŝranko el ligna mozaiko, rifuĝejo pli inda de ili ol de mi ; spegulego ekkaptis la muron de l' kameno. La ligna tablo disputis ankoraŭ la lokon, ŝirmita per amaso de broŝuroj kaj paperoj intermiksite amasigitaj, kiuj ŝajnis protekti ĝin dum longa tempo kontraŭ la insulto ĝin minacanta. Ian tagon ĝi suferis sian sorton ; kaj, malgraŭ mia mallaboremo, la broŝuroj ordiĝis en la faketoj de multekosta skribotablo.

Pereiga instinkto de l' konvenoj ! delikata kaj ruiniga sento, altega gusto kiu ŝanĝas, translokigas, konstruas, renversas ; kiu malplenigas la monkestojn de l' patroj, lasas nek doton al la filinoj, nek edukitecon al la filoj ; kiu faras tiom da belaj aferoj kaj tiel grandajn malfeliĉaĵojn ; ci, kiu anstataŭiĝis ĉe mi la lignan tablon per la pereiga kaj multekosta skribotablo ; estas ci, kiu ruinigos la naciojn ; estas ci kiu eble, ian tagon, kondukos miajn vestaĵojn sur la ponto Sankta-Mikaelo (1).

El DIDEROT, tradukis VINKO.

1. En tiu loko estis vendistoj de vestaĉoj kaj tualetaĵoj.

# INTELIGENTA HUNDO

En urbo X..., en suda Franclando, oni multe parolas pri la hundo de S-o Bigudet. Kiam li faras komision, multaj personoj sekvas lin por vidi kiamaniere li plenumas la aĉetaĵojn, kiujn S-o Bigudet skribas sur paperfolieto, metota en la korbo.

Pyrham scias ke li estas inteligenta. Kiam li eliras, li tenas sin tre rekta, metas sian voston en formo de trompeto, premas forte le tenilon de l'korbo inter siaj dentoj; kaj, se unu « kunfrato » venas ekscìti lin, rapide li metas sian korbon sur la tero, saltas al la insultemulo, kiun li punas per siaj akraj dentoj!

Iam, sia mastro deziris scii kion Pyrham farus, se li portus viandon. S-o Bigudet metis paperfolieton en la korbo kaj ordonis al li iri ĉe la buĉisto. La hundo foriris, fiera kiel kutime. Lia mastro sekvis malproksime.

Alveninta ĉe la buĉisto, Pyrham klinis sian kapon kaj venis antaŭ la buĉisto, ĝis kiam tiu ĉi ekvidis la paperfolieton.

La buĉisto legis la mendon kaj preparis la paketon unu kolbaso kaj du kotletoj de bovidaĵo. Li enmetis ĉion en flava papero, demetis ĝin en la korbo, kaj resendis la hundon. S-o Bigudet ĉiam observis...

Unue, la hundo korekte paŝadis. Sed, tri « kunfratoj », mirigitaj vidante kamaradon porti korbon, alkuris kaj provis flari la paketon. Baldaŭ ili minacis kapti ĝin perforte...

Pyrham haltis, metis teren sian korbon, vidigis siajn terurajn dentojn kaj saltis sur tiu, kiu estis la plej proksima. La manĝegulo eklaŭtigis krion de sufero kaj forkuris rapide. La du aliaj ankaŭ saĝe malproksimiĝis!...

La bravulo de nove ekmarŝis, sed la malamikoj baldaŭ revenis pli multaj. Malgraŭ tio, la bataliono ne kuraĝis tro proksimiĝi, timante ricevi kelkajn mordojn.

Tamen, la bando de l'enviemuloj grandiĝis pli kaj pli : ili estas deko. Bravaj pro sia nombro, ili proksimiĝis al

Pyrham, kiu iĝis malkvieta, kaj ĵetis multajn malesperajn rigardojn malantaŭen. Lia fiereco malaperis!...

Nun, li estis kiel la besto, pri kiu parolas « La Fontaine » :

*Honta kiel vulpo, kiun kaptis kokino!*

Metinta sian voston inter siaj kruroj kaj mallevinta siajn orelojn!

La hundoj ne atendis pli longe kaj sin ĵetis sur Pyrham; sed tiu ĉi, antaŭvidinte tiun atakon, rapide forkuris, ĉiam tenante la korbon!... La kurado estis longa kaj senhalta.

Pyrham baldaŭ sentis ke li perdas siajn fortojn, kaj ke la malamikoj proksimiĝas pli kaj pli. Li pripensis heroan decidon li faris « superhundan » penon por lasi la « kunfratojn » malantaŭe, kaj haltinte subite... li englutis kolbason kaj kotletojn!... Fl. TOULMÉ.

## EN LA MONDO ESPERANTISTA

### Letero de Prof. E. Lime

Kara Direktoro,

Leginte la leterojn, kiujn vi ricevis de kelkaj abonantoj, mi ne volas altiri sur vi fulmotondrojn. Mi vidas, ke estas tre malfacile, ne nur klarigi, sed eĉ simple analizi *diversajn* opiniojn pri subjekto ajn, antaŭ legantoj de gazeto. Tamen libereco pri lingvaj opinioj ne ŝajnas al mi tre danĝera! Baldaŭ, kredeble, oni same riproĉos al vi la liberan diskutadon pri *Evolucio de religia ideo*, kc.

Nu, mi pensas ke mia devo estas simple malaperi, por ne kaŭzi al vi maltrankvilaĵojn tre facile eviteblajn. Per tiu letero, mi havas la honoron konigi al vi mian decidon ĉesi mian kunlaboradon al la rubriko *En la Mondo Esperantista*. Eble, se tion vi permesos, mi povos helpi vin alimaniere.

Mi deziras tamen, por la lasta fojo, diri sincere mian

plenan opinion pri reformoj al la legantoj de E. K.
Mi parolos mallonge

1) Mi estas konvinkata, ke ekzistas en Esperanto tre gravaj difektoj *pri la reguloj de derivado* kaj *pri la internacieco de multegaj radikoj* en la vortaro. Nei tion estus nei la lumon de l' suno;

2) Tiuj reformoj estus vera progreso. Kredeble multaj konsentas pri tio; sed oni malkonsentas pri la maniero efektivigi la necesajn reformojn.

2) Mi kredas, ke cirkulero, eĉ de D-o Zamenhof, ne estos kapabla malhelpi la progreson ĝi realiĝos plimalpli frue.

4) La plibonigo *per evolucio natura* estus ruino, ĉar « evolucio natura » signifas evolucio laŭ la kapricaj, mallogikaj kutimoj de vivaj lingvoj;

5) Plibonigo *per vojo de neologismoj* estas tute ne praktikebla, ĉar la novaj lernantoj devus lerni *du* lingvojn, kaj post kelkaj monatoj, ili ne volus plu aŭdi pri la *malnova* lingvo. Plie la profesoroj havus vere malfacilan taskon!

6) *La sola praktika kaj pacifista solvo de la nuna demando estas, laŭ mi* *a*) lasi la Delegacion realigi sian projekton, montri ĉu efektive ĝi estas *praktikebla*, studi serioze la novan lingvon ĝis epoko difinita, ekzemple unu jaro; *b*) krei en la Esperantistaro organizon (eble Akademion aŭ reorganizatan Lingvan Komitaton), kiu juĝos la aferon kun aŭtoritato kaj senpartieco. Post unu jaro, la kapoj estos pli kvietaj...

Se oni konstatos, ke la reformita Esperanto vere pli taŭgas por la celo, tiam oni lojale akceptos ĝin. Se kontraŭe, oni « iros sian vojon », kiel antaŭe, ĉar ni ĉiuj laboras por la « *interna* ideo de Esperanto », kia ajn povas esti la ekstera lingvilo.

Cu tia konduto ne estus pli saĝa ol definitiva forĵeto de ĉiu interkonsento, ol granda danĝero de skismo?

Miaflanke, mi praktikos la du lingvojn, kaj faros lojalan provon.

Efektive mi konsentas, ke diskuti pri reformoj lingvaj

estas la rolo nek de gazetoj propagandaj, nek de specialistaj. Sed la gazetoj ne povis silenti, ĉar ne ekzistas *speciala lingvistika revuo* por diskuti la aferon. Mi do esprimas la deziron, ke oni kreu gazeton kun titolo, ekz. *Tribuno de lingvistika kritiko*. Ĝi ne ĝenus la propagandon kaj povus diskuti eblajn reformojn sen maltrankviligi la « popolon esperantistan », ĉar ĝi estus kredeble legata nur de specialistoj. Mi petas tiujn, kiuj estas interesataj pri tiu ideo, ke ili bonvolu korespondadi kun mi.

RESPONDO.

Efektive ni ricevis kelkajn leterojn de abonantoj, kiuj plendas, ke E. K. tro okupas sin pri lingvaj aferoj, lasas tro da libereco al siaj kunlaborantoj kaj aprobas la reformistojn.

Oni malbone komprenis nian intencon. La noto, kiun ni presis en N-o 45, p. 149, diris tamen nian celon. Ni represas ĝin tie ĉi

Noto. — La demando pri reformoj estas nune la plej granda priokupo de l' Esperantistaro. Tamen, multaj gazetoj ne parolas pri ĝi. Ŝajnas, ke oni volas pritrakti la demandon en profunda, mistera silento, sen konigi al la Esperantistaro la argumentojn *por* kaj *kontraŭ* la reformoj. Lojaleco postulas, laŭ ni, ke nia gazeto metu antaŭ la okuloj de la legantoj ĉiujn dokumentojn de la proceso. Tial ni citas hodiaŭ el la gazetoj nur la artikolojn, kiuj rilatas al agado de la *Delegacio* kaj al la demando pri reformoj en Esperanto. Niaj legantoj povos tiamaniere formi mem sian opinion.

Oni klare vidas, ke ni simple deziris liveri informojn al niaj legantoj pri la reforma demando. Tio tute ne signifas, ke ni aprobis la opiniojn analizitajn aŭ la opiniojn de Prof. E. Lime.

Nun ni devas ekzameni, kia estas la situacio de *specialista* gazeto *post* la cirkulero de D-o Zamenhof.

*Specialista* revuo esperantista estas tiu, kiu *uzas* Espe-

ranton por speciala celo, kaj por havi influon internacian.

Tia revuo devas do utiligi la lingvon internacian plej disvastigatan kaj plej perfektan. Tiel longe, kiel Esperanto ludos plej bone la rolon de lingvo internacia, oni ne devas timi, ke specialista revuo forlasu Esperanton tio estus simple malsaĝeco, kaj malhelpus atingi la deziratan celon. Supozu nune, ke revuo matematika fondiĝus kaj uzus *Latino sine flexione*, ĝi forte riskus ne vivi longe! Sed supozu ke tiu matematika revuo ekzistas nun en Esperanto, kaj supozu ankaŭ, ke post 4, 6, aŭ 10 jaroj, ia Esperanto reformita anstataŭos la nunan Esperanton, la dirita revuo estos devigata akcepti la lingvon internacian, kiu *sola* povos tiam permesi al ĝi atingi sian celon. Kiu povos mallaŭdi tian agadon?

Ni do apliku tiujn principojn al E. K. Nia kara revuo daŭrigos uzi Esperanton Zamenhofan tiel longe, kiel la nuna Esperanto permesos al ĝi atingi sian celon dissemado de l' Evangeliaj veroj en la tuta mondo per lingvo internacia.

Komence de sia kariero, E. K. volis esti tuj « specialista » organo kaj deklaris ke ĝi ne okupus sin pri Esperanto, sed simple uzus ĝin. Estis tro frue. E. K. devis esti *miksa* organo propaganda kaj speciala. Tamen ĝi pli kaj pli specialiĝis. Hodiaŭ, konsiderinte la dezirojn de abonantoj kaj la nunan situacion de la propagando, ni povas fari paŝon antaŭen kaj fariĝi revuo *tute specialista*, forlasante al naciaj propagandaj organoj la aferojn Esperantistajn. Tion jam faras, ekzemple, *Espero Pacifista*, *La Revuo*, k. c.

Ni do povas nur akcepti vian forlason de kunlaborado pri lingvaj demandoj, kara Profesoro. Sed ni insiste petas, ke vi daŭrigu helpi E. K. per alia kunlaborado. La laboroj estas multaj, la bonaj laboristoj malmultaj.

Nun antaŭen por la Kvara Kongreso. Ni preparu la katolikajn kunvenojn en Dresden. Ili devas esti ankoraŭ pli fruktodonaj ol la antaŭaj kunvenoj.

Em. PELTIER.

## Avizo

Pro eksiĝo de Prof. E. Lime, ne aperas en tiu numero *Promenado tra la gazetoj* nek *Bibliografio*.

---

## Dua cirkulero de la Kvaro

Nur ses monatoj nin disigas de la venonta kongreso, rapide ili pasos kaj la « Kvara » efektiviĝos! Ĝi okazos de la 16-a ĝis la 22-a de Aŭgusto. Tiu ĉi semajno zorgeme estas elektita, konsiderante la diversajn dezirojn de ĉiuj nacioj, la Germana Esperantista Societo en harmonio kun la Centra Oficejo decidis pri la dato. Germanujo esperas, ke la Esperantistoj de la tuta mondo plenumos sian Kembriĝan promeson, kore ili estos akceptataj. Ili ĉiuj venu, la pacaj batalantoj por nia sankta afero.

La unua tago de la kongreso estos dimanĉo. Ankaŭ la Kvara komencos per Diservoj, kiuj estas certe tre grava pruvo por la taŭgeco de Esperanto.

La Majstro venos, ne timante malgraŭ sia ne tro bona sano la laciĝojn de granda kongreso. Kaj ĉiuj Germanoj devas uzi la favoran okazon, ke ili havas la kongreson en sia propra lando. Ili ne forestu, timante, ke ili ne sufiĉe progresis en la uzado de la lingvo. Kompreneble ĉiu vizitonto nepre devas bone koni la lingvon, li ĝin senĉese, zorge kaj diligente studadu.

La programo enhavos paroladojn, deklamojn kaj teatraĵojn, per unu vorto, sufiĉe da okazoj por aŭdi nian lingvon. La Dresdenaj kongresanoj vaporŝipe ekskursos al Meissen kaj al la Saksa Svisujo; la ŝipoj estos grandaj parolejoj kaj la vojaĝoj donos al la ŝipanoj agrablajn momentojn de vere frata kunestado.

Ankaŭ en Dresdeno la kongresanoj estos ĉiam kune, oni tion bone aranĝos. Kvankam la urbo estas granda, la efektive plej vizitataj stratoj ne estas multaj. Ni nomu : Prager-Strasse, See-Strasse, Schlosse-Strasse kaj Brühlsche Terrasse. Kaj se la gastoj tamen forgesus la nomojn de tiuj ĉi stratoj aŭ la nomon de siaj hoteloj, jam nun 24 policanoj povus montri al ili la vojon, ĉar ili fervore lernas Esperanton. La instruado de la policanoj estas unu el la preparaj laboradoj de la Dresdena grupo.

Alian laboron ĵus finis la Germana Esperantista Societo, ĝi eldonis adresaron: Germana Jarlibro Esperantista por 1908 (1).

Per tiu libreto la Germana Esperantista Societo prezentas al la Esperantistaro malgrandan, sed tamen tre gravan verkon. La nombro de la Esperantistoj tiel rapide kreskas kaj pligrandiĝas, ke internaciaj adresaroj ne plu estas eldoneblaj; la naciaj jarlibroj ilin anstataŭos. Ankaŭ por la eksterlandanoj tia nacia jarlibro estas interesa, ĉar ĝi enhavas ankaŭ informojn pri la kongresa urbo, kiuj interesos ĉinjn partoprenontojn kaj tial ni petas treege, ke la tutmondaj samideanoj aĉetu nian libron.

Samvalora estas artikolo pri la historio de Esperanto, ĝi estos ĝermo de iama scienca verkego. Bildoj kaj skizoj pri Dresdeno ornamas la libreton. Aĉetu ĝin!

Dresdeno, koncerne la kongreson, similas abelujon. La anoj de la grupo laboras diligente, ili ĉiumaniere ekzercadas la interparoladon kaj ili fondis kantunuiĝon por la ekzercado de la himnoj kantotaj dum la kongreso. Nova poŝtkarto (propono Elb) ĵus aperis. Ĝi enhavas la Ligokanton de Mozarto: Fratoj, manon donu kore! Traduko de L. L. Zamenhof.

Je Sm.0,05 (M. 0,10) ĝi estas ricevebla ĉe H.Arnold,Dresden, Waisenhausstrasse 20.

Alia novaĵo estas « Sigelmarko » por la Kvara.

Por akiri artan kaj ornaman propagandan markon por koverto rilate al la kvara kongreso oni aranĝis konkurson kun premioj inter la studantoj de la Reĝa Artmetia Lernejo. Estis sendataj 140 desegnoj, ĉiuj montris intereson kaj komprenon por nia afero, multaj el ili estis spritaj kaj talentaj elpensaĵoj. Nur unu el ili estos presata, sed kvin konkurintoj ricevos monan premion.

La samideanoj ilin vidos en la granda kongresa ekspozicio Jam nun ni atentigas la amikojn pri la graveco de tiu ekspozicio kaj petegas ilian energian helpon. Nur tiam ĝi estos valora, se ĝi estos plena, historie ordigita; neniu ĝi montru mankon, kontraŭe, klare oni vidu daŭran kreskadon, la sanan, fortan disvolvon kaj la nunan staton de nia afero. Tiu kreskado sana kaj regula, neniam kaj neniel interrompita,

1. Ricevebla ĉe Dr Albert Schramm, Standehaus, Dresden. Prezo : Sm. 0,50 (1 fr. 25).

montru per muta sed komprenebla voĉo la venontan venkon.

Ni ne forgesu : Post la kongreso multaj el la gastoj restos kune en « Weisser Hirsch » (Blanka Cervo), la Esperantista Vilaĝo. Bela prospekto de « Weisser Hirsch » ĵus aperis. Senpage ĝi estas ricevebla ĉe Dro Schramm, Dresden, Standehaus. Oni nur sendu la poŝtpagon per « Coupon-Réponse International»(internacia respond-kupono) po 0,25 M.aŭ 0,30 fr.

*La Kvaro por la Kvara.*

Dro Mybs, Dro Schramm, Marie Hankel, Arnhold.

---

## Programo de la Katolikaj Kunvenoj ĉe la 4a kongreso

Niaj kunvenoj estas veraj kongresetoj kaj devas esti plej fruktodonaj por la celo de *Espero Katolika* kaj por niaj katolikaj societoj. Jen kiamaniere ni komprenas la organizon de tiuj kunvenoj.

1) Ni publikigas en E. K. demandaron specialan por ĉia societo S.K.I., — P.E.F., A.E.

2) Tiujn demandarojn estas petataj respondi ĉiuj legantoj de E.K., eĉ tiuj, kiujn ne ĉeestos la kongreson, — ĉu per raporto, ĉu per simpla poŝtkarto aŭ letero.

3) Unu ĝenerala Raportanto estos elektata por ĉiu societo; li resumos en ĝenerala raporto (mallonga), pri ĉiu demando, la diversajn respondon ricevitajn, kaj proponos fine al la kunveno voĉdonon pri *deziroj*.

4) Tiuj ĝeneralaj raportoj, kaj la rezultato de l'voĉdono, estos publikigataj en E. K. kaj oni laborados, post la kongreso, por ilin realigi.

Jen demandaroj por niaj tri societoj

DEMANDARO POR S. K. I.

1. Kiamaniere la S. K. I. povas utiligi Esperanton?

2. Kiuj estas, laŭ vi, la plej bonaj rimedoj por propagandi Esperanton inter la katolikoj?

3. Kion vi pensas pri projekto de Internacia kongreso de katolika agado en 1910, per rimedo de Esperanto?

4. Ĉu vi aprobas ke la provizora regularo (Vidu E. K. julio 1907) fariĝu definita, kaj ke oni voĉdono per korespondado per nomi komitaton?

### Demandaro por P. E. F.

1. Kion fari por ke Esperanto povu esti *vere utila* al pastroj.

2. Ĉu ne estas dezirinda ke oni presu internacian kolekton de libroj speciale utilaj al pastroj pri Sankta Skribo, pri Teologio, pri Historio de Eklezio, ktp.?

3. Kion vi pensas pri kreo de Pastra komitato por eldoni la novan Testamenton kun katolika komentario? Kian planon vi proponas pri tio?

4. Kiaj estas, laŭ vi la plej bonaj rimedoj varbi la pastrojn al Esperanto?

5. Propagando inter la misiistoj, religiuloj kaj religiulinoj? Rimedoj. Ĉu *Latina ŝlosileto Esperantista* ne tre utilus por tiu celo?

6. 'Ĉu vi aprobas ke la provizaran regularo de P. E. F. (Vidu E. K. julia 1907) fariĝu definitiva, kaj ke oni voĉdonu per korespondado por nomi komitaton?

### Demandaro por Abelo esperantista.

1) Kiamaniere agadi por kunigi kaj interilatigi la katolikajn komercistojn kaj industriistojn?

2) Kiajn utilojn ili povas ricevi de Societo A. E.?

3) 'Ĉu la membroj de S. K. I. kaj de la P. E. F. ne devus *kiel eble plej* sin turni al la Abelanoj por siaj aĉetoj?

4) 'Ĉu ne estas dezirinda ke la katolikoj faru specialajn enketojn kaj raportojn pri la produktoj komercaj kaj industriaj, por favorigi la A. E.? Kian planon vi proponas por tion efektivigi?

5) 'Ĉu vi aprobas ke la provizara regularo fariĝu definitiva, post ŝanĝo de la artikolo pri kotizaĵo, kiu estus forĵetata, — kaj ke oni voĉdonu per korespondado por nomi komitaton?

Ni estos tre dankemaj al tiuj, kiuj bonvolos sendi al ni aliajn demandojn studindajn. Ni publikigos ilin, kaj fine eldonos plenan apartan programon antaŭ la kongreso.

**Pri la meso ni reparolos baldaŭ.** **Em. Peltier.**

# 'SAKOJ

Sub la redakcio de S-o Al. Wagner, Stanislau, 2. Aŭstrujo.

## Problemo XIX-a

Komponis E. S. Campling
Hertford.

Nigro 7 pecoj.



Blanko 10 pecoj.

Mortigo en 2 iroj.

## *Pri la ŝakproblemo*

La propra rimarkilo de la progreso estas profiti la plifrue kolektitajn rikoltojn. Pro tio la bohema skolo ne estas sin kontraŭdiranta, se ĝi akceptis fruktojn de la plifruaj laboroj kaj se ĝi uzadas multfoje la manieron tempogajnantan tiel plaĉantan al skolo amerikana. Tamen la diferenco principa konsistas, ke la amerikana estas la skolo kombinanta, ĉar ĝi zorgadas nur la apartan manieron de la mortigo, kontraŭe la artistika bohema skolo traktadas precipe la estetikan konstruon de la mortigo.

En lasta tempo ekzistas ankaŭ la skolo germana kun la gvidanto, So J. Berger, kiu postulas ke nur la ĉefa ludo estu pura kaj ekonomika. Tiuj ĉi estas la terminoj kutimaj en la esenco de la ŝakproblemo. Verkis O. Jarosz, Varsovio.

Esperantigis la Ŝakredaktoro.

## Solvo de la ludfino el nº 45

| Blanko | Nigro |
|---|---|
| 1. T — 5Ĉ (ŝ) | 1. R — 3T. N. ne povas ludi S × T, ĉar sekvus 2. K — 3R kaj 3. D.ŝm; aŭ 2. D × S (ŝ), 3. D — 5K (ŝ) kaj 4. D — 6D (ŝm); |
| 2. T — 5T (ŝ) | 2. R — 3C |
| 3. K — 3R (ŝ) | 3. S — 4K |
| 4. D × S (ŝm). | |

## La koresponda ŝakturniro de E. K.

Ni plezure rimarkas en nia koresponda turniro unuan venkon akiratan de S-o Direktoro A. Nissen, nuntempe en Berlino (Nigro), kontraŭ S-o Dro Maillard, Sceaux. La ludo estis la siciliana defendo sukcesa en 31 iroj. Ni presigos baldaŭ la ludnoton.

*Le Directeur-Gérant*, Em. PELTIER.

Presejo de *Espero Katolika*. Sainte-Radegonde (I.-et-L.), France

# KATALOGO DE ESPERO KATOLIKA

**Katolika Preĝaro,** 1-a volumo, 180 p., kun *Imprimatur* de M-ro Renou, 'Ĉefepiskopo de Tours . . 2 fr. 50
**Kato kun botoj**, luksa eldono, 6 ilustraĵoj. 0 fr. 50
**Cindrulino**, el sama kolekto. 6 ilustr. 0 fr. 50
*La du verkoj kune mendataj* . . 0 fr. 75
**La Katolikaj Esperantistoj ĉe la 2-a Kongreso** de Esperanto en 'Genevo (1906). Plena raporto kun la prediko de P-o Em. Peltier . . . . . . . . . 0 fr. 15
**Hebrea Kalendaro**, originale verkita de Pastro Jakobo Bianchini (Italo), kun *Imprimatur* de M-o Renou, 'Ĉefepiskopo de Tours . . . . 0 fr. 20
**Patro Nia**, ĥoro por soprano, aldo, tenoro kaj baso, dediĉita al la *Tria Kongreso* kaj kantita dum la meso por Katolikoj en Cambridge. Teksto kaj kompono de Johano GOTHARDO (154-a verko); 6 paĝoj da muziko. Aĉetebla pogrande *nur* ĉe *Espero Katolika*. Prezo 60 Sd., 1 M. 25. 1 fr. 50
**Pri unu speco de kurbaj linioj, koncernantaj la V-an Eŭklidan postulaton.** Verkis Profesoro DOMBROVSKI (2-a eldono). . . . . . . 0 fr. 65
**Pri novaj trigonometriaj sistemoj.** Originale verkis Prof. DOMBROVSKI . . . 1 fr. 80
Aĉeteblaj *po-grande* nur ĉe *E. K.*

*KATOLIKAJ KUNVENOJ DUM LA TRIA KONGRESO* en Cambridge (1907) . 0 fr. 25

**PER TELEFONO**, ŝceneto de Jacques Freneuze; kun permeso de l' aŭtoro tradukis Josée GUIVY. 0 fr. 15

---

## PLENA KOLEKTO DE ESPERO KATOLIKA

1-a SERIO : 1-a j., — 2-a j., kaj 5 n-oj de la 3-a jaro. 'Ĉiu jaro 2 fr. (dek kajeroj da 88 paĝ.). Duono de la 3-a jaro (ĝis marto 1906) 1 fr. — (La *kolekto ĝis marto 1906 5 fr. afrankite*).

2-a SERIO : Duono de la 3-a jaro (de marto 1906 ĝis oktobro 1906) — 4-a jaro (de oktobro 1906 ĝis oktobro 1907) : 7 fr. 50 (En Francl. 6 fr.)

---

## MUZIKAJOJ DE Ŝ-ino JOSÉE GUIVY

**Ho, Mia Kor'**, poezio de D-ro Zamenhof 1 fr.
**En Sonĝo**, poezio de D-ro Zamenhof. 1 fr. 60
**Birdoj, forflugu**, poezio el *Flandra Literaturo* 1 fr. 60
**La du Muloj**, fablo de La Fontaine 1 fr. 60
**Himno**, poezio de P-o A. Dombrovski 1 fr. 25

# LA LANDO DE MIRAKLOJ

Ekstraktoj el la libro de D-ro Boissaries

## L'ŒUVRE DE LOURDES

(*El 3-a milo de la franca verko*)

**TRADUKO DE P-o EM. PELTIER**

*Direktoro de E. K.*

**Prezo** 0 fr. 50 afrankite (Du internaciaj poŝt-kuponoj).

---

GRANDEUR RÉDUITE DES MODÈLES

## INTERPRETAJOJ POR DESEGNI SIMPLE

Jen kelkaj specimenoj eltiritaj el tre interesanta metodo. L eldonisto, S-o Paul Ravoux, ricevis multajn gratulojn. L titolo *Interpretaĵoj por desegni simple*, kaj la desegnoj, kiuj ni montras, sufiĉos por liveri al niaj abonantoj ĝustan ideo pri tiuj tre kuriozaj kajeroj.

La serio de 8 kajeroj apartaj 5 fr. — Albumo bindita, 6 fr. - 2 serioj por 8 fr. — Oni devos plipagi por poŝta rekomendo 10 centim. en Francl. kaj 25 centim. ekster Francl.

Skribu al S-o *Paul Ravoux*, *rue Moldoyenne*, Remiremont (*Vosges*), *Francl.*, nomante *Espero Katolika*.

Sendo per revenanta poŝto, post ricevo de poŝtmandato.